# BOLETIN

## DE LA FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

AÑO VII N.° 12 (84) DICIEMBRE, 1955

## L. L. ZAMENHOF

En el 96 aniversario del nacimiento del Dr. Zamenhof, y repasando con piadosa consideración lo que fué su abnegada vida y su generoso impulso, no podemos menos que juzgar, con justificada censura, el aspecto actual de la vida, pública y moralmente considerada.

El creador del Esperanto, más que un filólogo, fué un filántropo. Por eso, los filólogos no dejaron de prodigarle críticas e invectivas, porque fueron incapaces de comprender que la meta soñada por Zamenhof estaba bastante más alta de lo que ellos podían concebir.

Y cuanto más tiempo pasa, con mayor claridad se puede comprender la verdad de sus pensamientos y la perfección de su obra. De lo primero dan fé los innumerables conflictos políticos en cuya base siempre existe una disparidad idiomática o una esclavitud lingüística. De lo segundo, el seguro y creciente prestigio del Esperanto, único idioma auxiliar que ha resistido la prueba del tiempo, la disección de sus enemigos, y hasta la persecución de políticos paranoicos.

El panorama político mundial legitima, cada vez con más claridad, la razón del Esperanto. Y esta razón, que por serlo acabará por abrirse paso hasta su total triunfo, nos enorgullece y ennoblece, pues siempre es un timbre de orgullo y nobleza la prontitud en abrazar toda causa noble y justa, arrostrando sin pestañear las burlas, críticas y aún los perjuicios materiales.

Y en la hora actual, en la que, por fin, se vislumbra el comienzo de una época de lógica apreciación de los méritos y ventajas del Esperanto, no solamente para la vida práctica, sino como inicio de un módulo de convivencia y tolerancia, se agiganta la figura del Doctor Zamenhof hasta lograr la talla de un filántropo excepcional. Su modestia y bondad eran las galas externas de su sobresaliente personalidad.

Cuando, con el correr de los años, se llegue a la total aceptación de su idioma y de su ideario, ser esperantista será una faceta personal sin relieve. Pero, por ahora, el serlo denota una finura espiritual de la que nos sentimos justificadamente orgullosos.



Gesamideanoj de Esperanto-Fako antaŭ la vilao de D-ro Solá.

*TARRASA.* La anaro de la Esperanto-Fako de la Societo «Juventud Tarrasense» ekskursis 16/10 al la bela najbara loko Torreblanca meze de edena arbaro. Okazis tipa matenmanĝo laŭ kataluna stilo kaj poste oni supreniris ĝis la supro de la monto, kie staras la ĉarme bela vilao, somera restadejo de nia eminenta samideano D-ro Solá, kiu kun sia afabla familio ĝentile akceptis la ekskursantojn, regalante ilin per dolĉaj kukoj kaj bongusta malaga vino. La vizitanta samideanaro reciproke kaj kiel amika kaj sincera omaĝo al nia Demosteno improvizis etan horan koncerton en lingvoj kataluna, hispana, franca kaj esperanta. Afabla familio Solá dankis pro tiu vizito kaj la ekskursantoj hejmeniris je la dua posttagmeze.—*Tiano.*

*LAS PALMAS DE GRAN CANARIA.* La ĉitiea samideanaro tre aktive laboras por la Movado. Post la fonda kunveno de la ***Grand-Kanaria Esperanto-Grupo,*** en kiu partoprenis 35 personoj, komenciĝis kurso kaj la loka gazetaro raportis kaj komentis tre favore. *Diario de las Palmas* publikigis la artikolon «Idioma internacional», de A. F. Valenciano; la artikolon «El Esperanto, idioma internacional», de Oscar Yáñez kaj intervjuon de la gazetisto Joverasu kun samideano Oscar Yáñez, kaj la samajnrevuo *Guanarteme* la artikolon «Grand-Kanaria Esperanto-Grupo», de A. F. Valenciano. En montrofenestro de la grava ŝparkaso Caja Insular de Ahorros, ĉi tiuj laboremaj esperantistoj prezentis hispanan kaj esperantan flagojn kun afiŝo kaj esperanta materialo.

*SABADELL.* En la festsalono de la grava urba societo «Sociedad Coral Colón» okazis 16/10 ĝis 1/11 Esperanto-ekspozicio multnombre vizitata, eĉ de la sabadella instruistaro, speciale invitita. La ekspozicion oficiale inaŭguris prelego de profesoro Delfí Dalmau: «La Unesco i el problema lingüístic a tot el món», kun ĉeesto de reprezentanto de la urbestro S-ro Marcet-Jenny, kiu finis la prelegon per simpatiaj laŭdaj vortoj por la Esperanto-movado. Granda okulfrapa tolafiŝo super ĉefa strato reklamis la ekspozicion, kiun, cetere, ankaŭ anoncis kaj poste menciis la radiostacio kaj ĵurnalo urbaj. La 4-an de Novembro komenciĝis elementa kurso en la nomita societo por 23 gelernantoj gvidata de samideano Viladoms. Krome ĉe Kooperativo «La Sabadellense» kaj Ekskursa Societo «Tierra y Mar» funkcias, kiel pasintjare, kursoj frekventataj entute de 20 gelernantoj sub la respektiva instruo de samideanoj Manau kaj Lloret.—*Llusera.*



Parto de la ekspozicio en Sabadell.

# NOVAJ LIBROJ

**KONTRALTE,** de Marjorie Boulton. Originala poemaro. Antaŭparolo de William Auld. Kovrilo de John Hartley. Portreto de la aŭtorino. STAFETO, Belliteratura eldonserio, 5. J. Régulo, Eldonisto, La Laguna, Kanariaj Insuloj, 1955. 16 x 22,5 cm. 288 paĝoj. Prezo: 12 anglaj ŝilingoj, 1.80 usonaj dolaroj aŭ 65 pesetoj plus sendkostoj.

Longe hezitas la plumo en la mano: Kiel, per kiaj vortoj recenzi la poemlibron de Marjorie Boulton? Mi ne ŝatas uzi bombastajn epitetojn, sed se oni serene kaj objektive konsideras la fakton ke, laŭ la biografiaj notoj de la libro, ŝi eklernis esperanton antaŭ ne pli ol ses jaroj kaj verkis la unuan poemon antaŭ kvar; ke la libro ampleksas entute ducent okdek ok paĝojn; ke la versaĵoj estas unuarangaj, lingve kaj poetike perfektaj kaj, plej grave, kiom ili estas originalaj, kuraĝaj kaj ŝvelaj de pasio kaj altaj pensoj, oni dubas inter la vortoj mirinda kaj mirakla.

Ni havas jam, krom niaj poetoj, nian poetinon: Ĉu baldaŭ esperanto povos fieri pri propra, vasta, epopea aŭ eposa mondfama poemo? Ŝajnas ĝin anonci la versoj de «La kataluna blazonŝildo», pompe sonoraj en la unuaj strofoj:

«Ĝismorte sangis la heroa grafo
De Barcelono sur la batalloko;
El nobla brusto ŝprucis ruĝa lafo;
Suferis pulmoj per la premsufoko.
Sed li ridetis. Li ne ĝemis».

profundsentencaj en la lasta:

«Ni homoj ne nobligas niajn ŝildojn
Krom proprasange, el la kor', sen ĝemo;
Ni per suferoj strekas honorbildojn
Kaj ruĝaj strekoj iĝas la emblemo,
Kiel la ŝild' de Barcelono».

En senfina varieco oni trovas ĉarmajn versaĵojn pike spritajn kia «Anstataŭ», humanajn kiaj la «Poemoj de Hiroŝimo», aŭ arde pasiajn kiaj «Al amato malpermesita», «La ora branĉo», k. a., kiuj estas senekzemplaj en la esperanta literaturo.

Ni prave povas fieri pri la juna poetino, al kiu nia movado multe dankas jam.

*Ll. Mimó.*

**NICA LITERATURA REVUO** — Esperanto-Kajeroj pri Arto kaj Vivo; dumonata revuo (n.° 1, Septembro 1955). 44 paĝoj, 18 x 13 cm. Redaktoro: G. Waringhien. — 7, avenue Gourdault, Choisy-le-Roi (Seine). Administrejo: 5, boulevard Stalingrad, Nice (A. M.) Francio. Jarabono: 400 francaj frankoj aŭ egalvaloro.

...Kaj forblovataj de freŝa zefiro, disiĝas la grizaj nebuloj de longe premanta krizo. Jam oni plu ne pleŭdas vane pro manko de literatura gazetaro; sed tute kontraŭe, preskaŭ sinsekve nun, oni ĝoje proklamas la aperon de novaj heroldoj kun gajaj titoloj kaj altaj aspiroj.

Al la kuraĝa voko de la Nordo, en aŭroro promesplema, ĵus la Sudo respondis kokete kaj ĉarme! Jes, meze de kosmopolita medio, en la belega Lazura Marbordo, la NICA LITERATURA REVUO ĝentile proponas tre interesajn kajerojn pri Arto kaj Vivo al la sana scivolemo de ĉiuj fervoraj amikoj de la esperanta beletro.

Sub la zorga varto de elstara redakta komitato, ĉe kies pinto deĵoras la reliefa nomo de Prof. G. Waringhien, la nova publikigaĵo montras jam en sia unua numero tiom da karakterizaj trajtoj, ke plej rimarkinde tio sufiĉas por ĝin envolvi tuj per delikata aŭreolo de simpatio kaj personeco. Vere, ĝia modesta kaj sobra aspekto efikas agrable —eĉ elegante!— kiel honesta invito, sen ŝablonaj komplimentoj, al familiara kunesto en la pura domo ĵus inaŭgurita.

Jam en ĝia interno, ĉiam en hejmeca atmosfero, disvolviĝas la enhavo de riĉa kaj varia programo, kiu, per ĉiu el siaj apartaj pecoj, certe kontentigos la guston de plej postulema leganto, ĉar tute seriozaj kontribuaĵoj —ho, kiel valora tiu de W. Auld pri la poeto Eŭgeno Miĥalski, kiel interesa tiu de la ĉefredaktoro mem pri Joakimo de Bellay kaj kiel tikle kurioza tiu de I. Gomes Braga pri la sperto de Zamenhof!— neniel malaltigante sian rangon, klarigas la temojn laŭ maniero facila, ebena, glata, sen torditaj terminoj...

Amuza rakonto de R. Schwartz, kun lia konata marko, inter aliaj spritaj pecoj,

al la lasta paĝo

# LA VOJAĜEMAJ ANIMOJ

**Ni aperigas artikolon de la mortinta fama hispana verkisto Eugenio d'Ors, kiu estis granda amiko de Esperanto. La artikolo aperis en Barcelona gazeto en 31 Majo 1912. La tradukon al Esperanto faris nia kara samideano, Vic-prezidanto de HEF, D-ro Mariano Solá, kiu krome legis ĝin dum sia bela parolado en la Literatura Festo de Zaragoza, 1954.**

Ni parolis hieraŭ —kun la penso en «La Nova Ĵurnalo» de La Habana—, laŭde al niaj gefratoj, kiuj loĝas malproksime, sed kun la animo ĉi tie. Estu laŭdataj hodiaŭ tiuj aliaj kiuj, kontraŭe, loĝas ĉi tie, sed kun la animo malproksime. Precipe gravas, amikoj, posedi vojaĝeman animon.

Arda deziro de superado de la geografia fataleco ekincitas niajn kuncivitanojn. Kiel ĉiu vivaĵo, eĉ la plej eta, aspiras al senmorteco, ankaŭ ĝi aspiras al universaleco. Ĉiu cedas al la tento plilongigi la propran personecon tra spacoj, super landlimoj. La studento serĉas aŭ akiras pensiojn por studadi en eksterlando. La artisto interesiĝas pli por ekspozi siajn verkojn en Munĥeno ol en sia propra urbo. Ĉiu verkisto volas esti tradukita, ĉiu scienculo klarigi sian penson antaŭ la mondo, en kongresoj aŭ gazetoj. Iu burĝulo, kiu ankoraŭ ne konas la francan lingvon, sendas sian filinon por edukado al Ĝenevo, sian filon al londona lernejo. Iu kampulo, kiu neniam veturis al Barcelono, pretendas havi influon en la rezolucioj de la komitato Nobel en Stokholmo.

Tiu deziro estas sankta kaj alportas novan dignecon. Tiu deziro, ĉie kie ĝi montriĝas, estas respektinda, kiel same oni devas ja senti respekton antaŭ la plej naivaj elmontroj per kiuj la homo intencas certigi malespere la venkon de la parolo —de sia vorto, de sia *propra* vorto!— la venkon de la parolo super la morto... Malbenon al la sakrilegia mano kiu forviŝas de sur pentrinda ruino la surskribaĵon faritan de simpla ekskursanto, kun la nomoj de liaj patro kaj patrino. Malbenon al la tranĉilo kiu forpelas el la sulkoriĉa felo de arbo la kunligitajn komencliterojn, gravuritajn de la iluzio de paro de enamiĝintoj... Malbenon ankaŭ al tiu, kiu senatente aŭ malŝate parolas pri aferoj kiel la esperantismo, per kiu tiom da fervoraj animoj trovis la rimedon vivi malproksime, la manieron forvojaĝi, la instrumenton por la superigo de la spaco. Oni trovas en tiuj aferoj, krom ilia teoria planigado, sentimentalan aspekton, kiun neniu delikata konscienco povos senhezite kaj sentreme tuŝi.

Jen humila malgrava homo, kiu vivas malriĉe kaj neatentata, en malvasta angulo de la tero. Ha, vere, la internaciaj aventuroj, la vojaĝoj, la pensionoj en Londono, la lernejoj en Ĝenevo, ne tuŝas lin! Li, ja, scias, ke li neniam ekspozos en Munĥeno, ke neniam la homoj el Francujo konos liajn ideojn, ke neniam oni tradukos lin... Kion, do, povos fari tiu persono por ke lia animo vojaĝu iomete? Aŭ li rezignos, submetiĝos malgaje al la fataleco de sia malgranda naskiĝloko? Ne, ho ne, neniel!... Tiu homo lernis internacian lingvon kaj scias bone ke en Munĥeno, en Ĝenevo, en Londono, aliaj malgravaj viroj kaj virinoj agis kiel li kaj penadas por disvastigi ĝin, kaj sentas sin kunligitaj kun ĉiuj, kiuj havas la saman celon, per la malavara entuziasmo de komuna afero. Li, tiam, prenas paperfolion kaj, kun penado, en la lingvo kiu estas la signo kaj la ilo de la sankta afero kaj de afabla kamaradeco, li al ili skribas. Kaj, jen, ili respondas. Kaj flugadas super la neatingeblaj malproksimaĵoj, salutoj kaj novaĵoj, amoj kaj esperoj, simpatiaj alparoloj kaj kuraĝigaj alvokoj. Kaj, jen, unu plia animo sanktigita kun la antaŭe anoncita nobleco, kaj jen, denove, sur la tero iomete pli da amo.

Iam mi konis esperantiston, kiu laboris kiel panisto. En la ardantaj noktoj dum la somero en Barcelono, li laboris kaj laboris longe apud la fajro kaj kelkafoje li eĉ pensis ke li falos svene. Tiu panlaboristo havis korespondantinon en Finnlando, knabino el Helsingfors. Ili interŝanĝis poŝtkartojn kaj ŝi sendis al li vidaĵon de sia urbo, kun ĝia stranga norda aspekto, kaj ĝiaj strangaj domoj kaj titolvortoj tute nekompreneblaj. La

malfeliĉa laboristo, ja, sopiradis al tiu urbo, en la ardantaj, neniam finantaj noktoj. Li vidis ĝin en revoj kaj tio estis por li kvazaŭ kareso, kvazaŭ sonĝo. Kelkafoje la poŝtkarto montris la straton kie loĝas la finna fraŭlino, kiu estas nomata la Nicolaigatan, kaj ŝi desegnis sur ĝi sagon kiu de la ĉielo falis sur domo, kiu estis ŝia domo, kaj la pinto haltis ĝuste sur etaĝo, kiu estis ŝia etaĝo. La fenestroj de tiu etaĝo havis siajn vitrojn enkadritaj en blankaj kadroj kaj malantaŭ kelkaj el ili oni preskaŭ vidis travideblajn kurtenojn. En unu el la fenestroj troviĝis florpoto. Tiam la panlaboristo juna revadis ke ŝi sidis, varme vestita, trans tiuj vitroj, kaj legante la poŝtkarton de li senditan, kun bildo de la monto Montserrat.

Unu tagon li skribis al ŝi en la komuna al ambaŭ lingvo: «Fraŭlino, mi havas la malĝojon anonci al vi ke mia patrino mortis». Ŝi respondis: «Mia kara amiko, mi malĝojas kun vi, kaj sendas al vi mian kondolencon». Ricevi kondolencon por sia malfeliĉo el tiel malproksima loko kiel Helsingfors, estas por juna panisto, vi povas tion kredi, ĝi estas ja afabla kunsentado kaj kiel speco de gloro. Tial li portis ĉiam tiun poŝtkarton en sia poŝo kaj kiam, pli poste, li devis forveturi al Buenos Aires, por komenci novan vivon, li bruligis ĉiujn paperojn kiujn li posedis, sed ne tiun ĉi. Mi volas pensi ke li ĝin gardos ankoraŭ ĝis la horo de la morto kaj ke en siaj lastaj momentoj, li rememoros agrable pri la domo en la strato Nicolaigatan.

Ni kantu hodiaŭ la laŭdon al la vojaĝemaj animoj. Estu laŭdataj —kiel tiuj niaj fratoj vivantaj malproksime kun la animo tie ĉi— tiuj aliaj vivantaj tie ĉi, sed kun la animo malproksime!

---

# MADRIGALO

**Honora mencio en nia lasta Literatura Konkurso (Originala Poezio)**

Laŭ vojo stumblas laca grandaĝulo
kun dorso kurba kiel olda kverk'.
La faltoj faskas ombre ĉe l'okulo,
kaj dolĉe vokas dormo de la ĉerk'.
Muelas monda muelil' kruela—
ne ĝenas ĝin la ĝojo nek la ĝem'
aŭ via sento en moment' malhela:
Tro baldaŭ ŝajnos vi klinita kverko mem.

Sed kiel roso peza en mateno
nur pene flugas tristo el la sin',
ĝis la knabeto stumblas tra l' ĝardeno
kun florbukedo por ĝojigi vin.
Admonojn tuj forgesas vi severa,
renkontas lin pro floroj ĉirkaŭprem',
kaj lia korpo verga kaj tenera
konfirmas, ke vi iam estis tia mem.

*Poul Thorsen.*

**Kantebla laŭ irlanda «Londonderry Air».**

# DIVERSAĴOJ

***Ĉiu membro de nia Federacio aŭ abonanto de nia bulteno, sendinta solvon de enigmo, gajnos unu poenton. Gajnintoj de 10 poentoj ricevos libropremion. Ni akceptos solvojn ĝis la 15ª de Januaro.***

Ni ricevis korektajn solvojn de la enigmo n.° 25 el jenaj samideanoj: A. Núñez, A. Candela, S. Roca Rodó, M. Fernández, J. Armadans, E. Guillem, P. Naranjo, J. Tallón kaj O. Corróns, kaj de la enigmo n.° 26 el: V. H. Llusera, M. A. Perles, A. Núñez, A. Candela, R. Albero, J. M. Fontcuberta, S. Roca Rodó, M. Fernández, J. Armadans, P. Naranjo kaj O. Corróns. S-anoj P. Naranjo kaj J. M. Fontcuberta atingis denove la 10 poentojn; do, ni sendas al ili la premiojn.

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 25

```
  9 5 6 7
  1 o 8 5
---------
1 o 6 5 2
```

Procedo: M=1, ĉar sumo de kiuj ajn du ciferoj donas nur unu dekon.

A=o, ĉar cifero 1 plus alia cifero (K) povas doni por MA nur 1o aŭ 11=du samspecaj ciferoj.

K=9, ĉar MA-M = 1o—1 = 9.

L=8, se al cifero N, kiu estas unuo pli granda ol O, ni aldonas ciferon (L) kaj la sumo donas alian ciferon O, tiu sumo estas 1o+O kaj L estas sekve 8 (9 ni jam prenis por K).

I=7. I+O estas pli ol 1o kaj pli ol 11, ĉar N+8 donas O=N—1. I ne povas jam esti 9 aŭ 8 (tiuj estas K L respektive). Ankaŭ I ne povas esti 5, ĉar tiam O estus 6 kaj la sumo de ambaŭ 11. Ankaŭ ne povas esti 6, ĉar tiukaze O estus 7, N estus 8, kaj ni jam vidis ke 8 estas L. Do, I=7.

O=5. O ne povas esti 3 aŭ 4, ĉar aldonita al 7 donus o aŭ 1 por J. Ankaŭ ne povas esti 6 ĉar N=O+1 estus 6+1 = 7 = I. Do, O=5 kaj

N=6 = 5+1.

J=2 = I+O — 1o = 7+5—1o

Notu: "O„ estas por litero kaj "o„ por cifero.

Kaj eble vi pensos ke malgraŭ tiom da pretendaj klarigoj, eĉ precipe pro ili, la afero restas tro komplika. Ĉu ne?

SOLVO DE LA ENIGMO N.° 26

*Horizontale:* 1 Duel, Klap. 2 Hermafrodit. 3 uN, oneiB, Li. 4 Boa, Omo, Agl. 5 omrA, Perd. 6 Infanteri. 7 oniT, Sama. 8 Jak, Est, jaK. 9 At, Ĥimer, Nt. 10 Monologisto. 11 Rara, Ideo.

*Vertikale:* 1 Hubo, ojaM. 2 Denominator. 3 Ur, Arnik, Na. 4 Emo, Aft, Ĥor. 5 Lano, eilA. 6 Feminismo. 7 Krio, Tegi. 8 Lob, peS, Rid. 9 Ad, Aeraj, Se. 10 Pilgrimanto. 11 Tild, Akto.

ENIGMO N.° 29

Logogrifo, de J. M. Fontcuberta.

| | |
|---|---|
| 49 2 44 43 17 16 15 42 | = Medicina doktrino |
| 35 41 30 16 36 12 11 | = Tiu, kiu kutimas publike paroladi. |
| 26 32 31 8 25 9 | = Stango malsupre puntigita. |
| 45 13 23 21 4 | = Tago de la semajno. |
| 29 20 5 13 50 47 | = Superakvego. |
| 14 1 34 22 23 7 | = La Dipatrino. |
| 37 28 39 15 40 | = Bulba veg. el fam. liliacoj. |
| 6 38 3 18 41 42 | = Gasa nubo supreniĝanta el varmiĝanta fluidaĵo. |
| 10 11 19 48 51 46 49 | = Havanta monon. |
| 24 33 25 16 12 30 27 30 | = Rilata al iu insulego el Oceanio. |

1 — 51 estas trafa k ĉiam aktuala frazo de la angla Shakespeare.

al la paĝo 239

*Inter la sendintoj de korektaj tradukoj ni distribuos premiojn, laŭ samaj kondiĉoj kiel por la enigmoj.*

Ĝis la momento, kiam ĉi tiu numero estas presota, ni ricevis neniun tradukon de la tasko de Novembro. Do, ni lasas la publikiĝon de la traduko por la venonta numero.

Tamen ni prezentas novan taskon. Jen alia peco de la romano «El gran torbellino del mundo», de Pío Baroja:

**La madre de mi nodriza me consideraba como si fuera su nieta. Yo le llamaba abuela. Era una mujer muy buena, muy trabajadora, muy generosa. Su marido y ella se habían sacrificado por los hijos para colocarlos. El mayor era cura, y estaba de preceptor; los otros también se hallaban bien colocados, y la hija, mi nodriza, en América. Ultimamente, mi abuela y su marido, los dos ya viejos, vivían con su nieto, el más pequeño, Toni, mi hermano de leche, a quien yo quería como a un hermano de verdad. La casa de mi abuela era pequeña y estaba rodeada de campo. Teníamos una huerta muy hermosa, en la que mi abuela, su marido, Toni y también yo algunas veces, trabajábamos. El sentimiento de no conocer a mi madre y de ver a mi padre muy de tarde en tarde, me amargaba un poco la vida. Mi educación fué la corriente en una muchacha aldeana. Estudié en la escuela, con todas las chicas del pueblo, y luego mi padre, al saber que tenía condiciones superiores a la generalidad, escribió al maestro para que me diera lecciones particulares.**

---

## EL ESPERANTO EN UNA REVISTA DE ESTADOS UNIDOS

La Redacción de la importante revista norteamericana *Lo Mejor del Catholic Digest* (edición española del «Catholic Digest»), anuncia que en el número Enero-Febrero de 1956 publicará el artículo de William D. Ryan «El Esperanto es fácil». Este artículo ya apareció en el «Catholic Digest», en inglés, en el pasado mes de Abril.

---

el la paĝo 238

ENIGMO N.º 30

Krucvorta enigmo, de J. Devís.

Sama figuro de antaŭaj numeroj.

*Horizontale:* 1 (Rad) Klasigebla folieto sur kiu oni skribas ian noton. (Rad) Iom longa poezia verko. 2 Novaj vortoj. 3 Interne de. (Inv) Kava relo por omnibuso. Interj. 4 Ludkarto. Metalo. (Rad) Konforma al sia celo. 5 (Rad) Malbone aŭdanta. Unika. 6 Trinkaĵo por eksciti la apetiton. 7 (Rad) Malsano de kranihaŭto. Instrumento por mezuri la rapidon de ŝipo. 8 (Rad) Movebla rando de la buŝo. (Rad) Vivi kutime en iu loko. (Rad) Divido de la daŭro. 9 (Inv) Resenda pronomo. (Inv) Organa ĉarniro de la gambo. Ĥemia simbolo de la niobio. 10 Parta ŝanĝo al leĝo aŭ al diskutata projekto. 11 Regula aranĝo de aferoj. Iam estinta.

*Vertikale:* 1 Malasertas. Ekstra. 2 Doktrino laŭ kiu ĉio rilatas al la sentorganoj. 3 (Inv) Komparativa konj. (Inv) Spikaĵo. Sufikso. 4 Instrumento. Numero. (Rad) Akvomaso ĉe supraĵo de maro. 5 Frukto. Distra agado. 6 Apartenanta al la militistaro gardanta fortikaĵon. 7 Frukto. Aŭdigi plendan delikatan bruon. 8 (Rad) Kalkeca substanco el kiu konsistas la skeleto de vertebruloj. (Rad) Ŝaktforma provizejo por greno. Rilata al ambaŭ seksoj. 9 Sufikso. Remaĉantaj kornobestoj. (Inv) Ĥemia simbolo de la mangano. 10 Propra al tiu, kiu kredante sin sola, parolas al si mem. 11 Ankoraŭ ne grandaĝa. Rondirado kiun trakuras planedo.

## 17-a Hispana Kongreso de Esperanto

Ni povas jam konfirmi, ke la venonta hispana kongreso okazos en Barcelono, kie la esperantistaro aktive faras la unuajn aranĝojn por starigi la Organizan Komitaton, fiksi la daton kaj skizi la provizoran programon. Kiam ni konos detalojn pri ĉio ĉi, ni informos la legantaron.

## Hispana Esperanto - Federacio

LIBRO - SERVO

Kun ĉi tiu numero de **BOLETIN** ni ekspedas al la hispana legantaro nian nunan Libroliston. Amasajn mendojn ni atendas.

## Universala Esperanto - Asocio

Adresŝanĝo

La administra oficejo de U. E. A. funkcias en Rotterdam, Nederlando, ekde pasinta 15-a de Novembro, laŭ jena adreso:

Universala Esperanto - Asocio
Eendrachtsweg 7
Rotterdam, C. Nederlando



el la paĝo 235

donas adekvatan spicon al la tuta enhavo, tra kies diversaj rubrikoj, pro lerta apliko de prudenta ekvilibro, harmonie kaj estetike rendevuas poezio kun prozo, biografio kun muziko, filozofio kun folkloro, kun gramatiko, kun bonhumoro kaj... espereble ankaŭ kun sporto!

Jen do aŭdaca provo, ekipita per suda optimismo, por sproni la legemon de nia popolo, prezentante altnivelan legaĵon pri ĉio leginda por ĉiuj legantoj, en logaj kajeroj, sub la nobla egido de Arto kaj Vivo.

*Luis Hernandez.*


**BOLETIN**

de la

FEDERACION ESPERANTISTA ESPAÑOLA

BULTENO

DE HISPANA ESPERANTO-FEDERACIO

**Adreso de la Redakcio kaj Federacio**

**Str. Pelayo, 7, 1.ª**

**VALENCIA**




## Tutmonda Esperanto Junular-Organizo

bezonas vian helpon.

Aliĝu kiel eble plej baldaŭ.

Jarkotizo: 35 pesetojn.

***Hispana Peranto:***

Esperanto - Grupo Moyá

Str. Forn, 19 Moyá (Barcelona)

**Prosperon kaj sanon en la Nova Jaro 1956ª**

deziras al ĉiuj siaj estimataj geamikoj

Alida, Henny kaj Izak Schoon

OOIEVAARSTRAAT, 9

**HAARLEM - N (Nederlando)**

## HONORE AL INSTRUISTOJ

La gelernantoj de la du pasintaj Esperanto-kursoj aranĝitaj de la Esperanto-Grupo de Valencio, vespermanĝis kun la instruistoj S-roj Luis Hernandez kaj Emilio Prades kaj aliaj samideanoj 22/10 en centra restoracio. Je la fino S-ro Martí diris kelkajn dankajn vortojn al la menciitaj instruistoj. F-ino Zulueta en la nomo de la tuta lernantaro donacis al S-roj Hernandez kaj Prades du valorajn Esperanto-librojn. Tiuj entuziasmaj kaj senlacaj instruistoj respondis per trafaj kaj elokventaj vortoj, kaj ankoraŭ oni ricevis la regalon de aliaj paroladoj de D-ro Herrero, S-ro Vizcaíno kaj D-ro Tudela. La festo finiĝis per balo partoprenata de la tuta gelernantaro.—*O. Corróns.*

PERIS-G. VÍA M. TURIA, 28-VALENCIA